juna amiko

Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor
VIII. évfolyam
2. szám, 1981
Felelős szerk.:
Kurucz Géza
Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest,
Kenyérmező u. 6.
1081
Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült
ÉTK Nyomdaüzem
Tsz.: 820787
4000 példányban
Felelős vezető:
Raffay Rusztem

•

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ

*Sur la titolpaĝo:*
*Monumento en*
*Brazilo*

# *Marjorie Boulton:*

# PAC'KANTETO

Paco ne estas mal-milito,
ne nur ripozo, sed promes',
al Est'ont'eco invito,
ne NE, nek SE, sed laŭta JES.

La arbojn planti, manĝi fruktojn;
ami kaj nepojn iam vidi;
tra-vivi nur utilajn luktojn,
al vera estonteco fidi . . .

Paco: strebado[1], sed kun ĝu'
ni volas vivi kune, frate,
ne timi kaj suspekti[2] plu,
sed vivi bone, gaje, sate.

Ni volas vidi idojn gajajn,
plenajn de ridoj kaj de dankoj,
kaj longajn procesiojn[3] majajn
kun la traktoroj[4], sen la tankoj[5].

Ni volas lerni kaj instrui,
ni volas fari multajn festojn,
ni volas krei kaj konstrui
publikajn halojn[6], proprajn nestojn[7];

esplori en ekstera spaco,
esplori en la mens' profunda . . .
Esti en pozitiva paco
vivo-signifa kaj abunda[8].

Ĉu vana[9] revo? Nepre ne!
ĉar se ni volas, ni ja povas:
sur ĉiu rando de pere'[10]
la Homo sian helpon trovas;

ni havas cerbon, ni havas koron,
ni povas strebi kaj sukcesi,
povas sekigi ĉies ploron,
kaj al la Vivo pace jesi.

PIED'NOTOJ de „Packanteto"
1. cel'ado/ 2. vidi kaŝ'itan intencon sub la vortoj/ 3. procesio: festa marŝ'ado/ 4. ter'kultura maŝino/ 5. milita veturilo kun pafil'ego/ 6. halo: ĉambrego/ 7. loĝejo de birdoj/ 8. riĉa/ 9. senrezulta/ 10. pereo: morto.

1. supera scienca organizo/ 2. daŭra publika organizo/ 3. defendi; ŝirmi/ 4. principo: fundamento; fonto/ 5. konstanta grupo da personoj, kiu okupas sin pri iu tasko/ 6. sistemo: tutaĵo de inter-de-pendaj elementoj/ 7. vorto-faraj elementoj (ek-, -eg-, -ar-)/ 8. gramatiko: regul'aro de lingvo.

# AKADEMIO DE ESPERANTO

La ĉefa lingva institucio[2] de la Esperanto-movado estas la Akademio. Ĝia tasko estas „*konservi kaj protekti*[3] *la fundamentajn principojn*[4] *de la lingvo Esperanto kaj kontroli ĝian evoluon*".

En 1905, dum la 1-a Kongreso de Esperanto, Zamenhof mem proponis krei lingvo-kontrolajn instituciojn. La Kongreso decidis krei *Lingvan Komitaton*[5] (LK), kiu, unue, havis 96, poste, 102 anojn. Sed, pro la alta nombro, la LK ne estis labor'kapabla; oni elektis, do, el inter la membroj 12-personan labor'komitaton, kaj oni nomis ĝin Akademio (1908).

Post la dua mond'milito, en la jaro 1948, oni re-starigis la Akademion kiu, de tiam, konsistas el ne pli ol 50 membroj. Ek-de 1980, la prezid'anto de la Akademio estas *William Auld* (:viljem old), skoto.

La akademianoj laboras sur diversaj lingvaj kampoj. La Akademio ekzamenis, inter-alie, la vorto-faran sistemon[6] de Esperanto; oficialigis vorto-radikojn kaj afiksojn[7] ekzemple: *mis-*, *-end-*, *-io* k.t.p., klarigis la uzadon de „malfacilaj" gramatikaĵoj, ekzemple, *si* kaj *sia*, au *po*. La Akademio okupas sin pri prononco (=el'parolo), pri la termin'aro (=fakaj vortoj) de diversaj scienco-brancoj, el-pasas kontrau lingvaj mis-aĵoj, redaktas vortarojn k.t.p.

La Akademio estas, fakte, la plej supera lingva institucio, kiu grave kontribuas al la sana evoluo de nia lingvo.



# *Frigyes Karinthy* (: *fridjes karinti*)

# DIPLOMATO kaj SOLDATO

*Roluloj: Diplomato (D)*
*Soldato (S)*

*D (kun letero en la mano dormas kaj ronkas*[2]*.)*

*S (en-venas kun kompleta*[3] *peza ekipaĵo*[4]*. Li ek-spiregas, viŝas al si la frunton.)* Pu, estas varmege! Pu, estas ege varme!

*D (ek-ronkas.)* Kiu? Kio? *(afekteme*[5]*.)* Kial vi kriegas kaj ĝenas min? Kiu vi estas?

*S* Mi petas pardonon, alt'estim'ata ĉef-diplomata sinjora moŝto[6]; mi estas Johano Unuel, kaj mi venas nur de ĉi tie, el la najbara tranĉeo[7].

*D* *(afekteme.)* Nu, ĉu vi devas tion fari kun tia bru'aĉo? Ĉu vi ne vidas, ke doloras min la kapo?

*S* Mi petas pardonon, sed mi apenaŭ vidas ion el via kapo, altestimata ĉefdiplomata sinjora moŝto. Kaj . . . ne prenu tion kiel ofendon[8]: Pro kio, do, ĝi doloras vin?

*D* Pro kio? Vi ja parolas facile. Estas al vi facile. Ĝi doloras min pro la serĉado.

*S* Kion vi bon'volis perdi?

*D* Mi perdis nenion, amiko. *(Digne[9].)* Ĉu vi ne scias, kion serĉas diplomato?

*S* *(diven'prove.)* Ĉu monon . . . ?

*D* Ho, amiko! Mi vidas, ke eĉ tion vi ne scias, kial vi batalas.

*S* Mi ja scias tion. Ĉar estas milito.

*D* *(digne.)* Jen sciu, amiko, la diplomato serĉas la vojon al el-nodiĝo[10] de komplika situacio.

*S* Aha. Mi jam konjektas[11].

*D* Dum du jaroj, mi serĉas la vojon al elnodiĝo. Terura laboro, mi povas diri al vi. *(Afekte.)* Ho, tre doloras min la kapo. Ho, ege doloras min la kapo. Ĉu vi ne havas ian parfumon[12] kun vi?

*S* *(kun kompato.)* Mi havis en mia lado-botelo[13], nur iom da akvo el flako[14]; sed mi el-trinkis ĝin kun mia kamarado[15]. Kaj . . . ĉu vere tiel doloregas vin la kapo pro via meditado[16]?

*D* Se vi sentus tion! Estas al vi facile. *(Afekteme.)* Ho, tre doloras min la kapo! Dum du jaroj, mi jam rompas al mi la kapon pri la serĉ'ata elnodiĝo!

*S* *(kun kompato.)* Oj, mi multe kompatas la altestimatan ĉefdiplomatan sinjoran moŝton. Ĉu, eble, mi povus ia-maniere inter-veni por helpi?

*D* *(afekte.)* Dankon, amiko; sed mi apenaŭ kredas pri tio. Ĝoju, ke vi ne estas diplomato! Kiel vi povus helpi al mi? *(Krieg'ante.)* Ho, tre doloras min la kapo! Ho, ege doloras min la kapo!

*S* Eble, tamen . . . Eĉ sen-saĝa bruto[17] kompatus la ĉefdiplomatan sinjoran moŝton, se ĝi vidus vin tiel suferi. Bon'volu do rakonti al mi, kiel statas la elnodiĝo. Eble, mi konas ian kuracilon.

*D* Jen vidu, amiko! Mi rakontos al vi, kie ni troviĝas, nun, sur la vojo al elnodiĝo. Antaŭ ses monatoj, ni akceptis ke, en la kazo, se la germana registaro emus al tio, ke konsidere al tio, laŭ kio tamen . . . do, tiu-okaze, ankaŭ ni konsiderus ke, post ok monatoj, eble, ni meditos pri la afero.

*S* Hm. Ĉu, nun, ne estas eble?

*D* Kiel estus eble, stultulo[18]? Antaŭe, oni devas ja pri-konsideri, ĉu estas ebleco al pampampamo.
*S* Ĉu pampampamo?

*D* Kompreneble. Sciu, do, ke, antaŭ dek-unu monatoj, tio kaŭzis miskomprenon, ke la Usona admiralitato[19] bezonis tempon por funde konsideri, ĉu tratrala tratrala, aŭ tretrele tretrele?
*S* Kio estas tratrala tratrala?

*D* Nu jen! Nun, mi ne havas tempon por ekspliki[20] al vi ĉiujn diplomatiajn fak'vortojn. Eble, sufiĉas tiom, ke oni povus solvi tiun problemon nur, se la angloj akceptus, ke sur la pruoj[21] de la portugalaj ŝipoj la maldekstra bel'grajno[22] estu turn'ita dekstren, kaj ne maldekstren. Jen kion mi devas prikonsideri. Kaj, dume, ekzistas nek elnodiĝo, nek paco; ekzistas nenio. *(Ve'ante.)* Ho, tre doloras min la kapo!
*S* Nu kaj . . . kial do ili bezonas tion?



D Ĉu vi ne komprenas, ke Turkio emus al paco-kontrakto[23] nur tiukaze, se mi akceptus modifi[24], en la Stulstula papagrafo[25], la Pumpumpuman trian punkton, oblikve[26] kun la kvara punkto, kodifik'ita[27] la 35-an de februaro 1868, tiele kaj tia-maniere, laŭ kiu poste kaj tamen.

S Nu kaj . . . ĉu la altestimata ĉefdiplomata sinjora moŝto ne povas tion fari?

D Kiel do fari tion? Tiu-okaze, mi devus modifi en la kontrabrakto, akcept'ita la 65-an de decembro mil naŭ-cent dudek-tridek, la esprimon „tiel" al „tiele". Ĉu vi povas prezenti al vi, pri kio mi respondecas?

S Kaj . . . ĉu ne estos ebla la finiĝo, ĝis la ĉefdiplomata sinjora moŝto el-pensos tion?

D Kompreneble ne. Tial mi rompas al mi la kapon pri la elnodiĝo jam de-longe. Ve, ĝi tre doloras min! Ve, ĝi ege doloras min!

S Hm, hm. Vidu, ĉefdiplomata sinjora moŝto, mi dirus ion al vi.

D Kion, kara filo?

S Mi ne estas kompetenta[28]; do, mi ne povas helpi al la ĉefdiplomata sinjora moŝto. Tamen, mi rekomendus ion, kio ĉesigus vian akran kap'doloron, kaŭz'itan de meditado.

D Ve al mi! Kion vi rekomendus, kara filo?

S Bonvolu fari ĉion laŭ miaj vortoj; kaj vi spertos, ke la doloro rapide for-paŝos; mi estas eĉ preta veti[29], ke vi divenos la respondon al tiu umo.

D Nu, pri tio mi volus scii, kara filo.

S Do, bonvolu fari tiel, kiel mi diktas[30].

D Bone.

S Klinu vin antaŭen!

D *(sin klinas antaŭen.)*

S *(metas sian ekipaĵon sur la dorson de la diplomato.)*

D A-u! Kio estas tio?

S *(metas sian pafilon sur la ŝultron.)* Paciencon! Ankoraŭ okazis nenio . . .

D Ĉu nenio? Rompiĝas al mi la ŝultroj!

S *Ne timu! Leviĝu!*




*D* Ve-e! Mi ne povas min movi!
*S* Ĉu ne? Vi eĉ ne devas. *(Pafas en la aeron per pistolo*[31]*.)*

*D* *(timo-plene.)* Sankta Maria! Kio okazis?
*S* Bagatelaĵo[32]! Simpla grenado[33]. Sed ili ankoraŭ super-pafas. La sekva eksplodos pli proksime. *(Li pafas en la aeron.)*

*D* A-u! Jesuo kaj Maria!
*S* Ne saltaĉu! Ĝi ja eksplodis malproksime. Sed la sekva, ŝajnas al mi, jam estos plena trafo. *(Li pafas kaj batas en la dorson de la diplomato.)*

*D* Jesuso! Helpon! Oni murdis[34] min! Mi pereis[35]!
*S* Kioo!? Ne kriaĉu! Ci – brutaĉo! Estis nur spliteto[36]! La sekva jam, jes, ĝi falos pli proksime. Ili tuj trovos la ĝustan celon.

*D* Ho ne . . . ho ne . . . ne-e . . . ĉesigu . . . ĉesigu . . .

*S* Sed ili ne povas ĉesigi!

*D* Kial ne?

*S* Ĉar ankoraŭ ne estas decid'ite, ĉu tratrala tratrala aŭ tretrele tretrele? *(Li pafas kaj batas.)*

D Ho ve! Pri kia stultaĵo vi parolas? Kio estas tratrala tratrala? Ho, mia dorso! Ĉesigu!

*S* Ili ne povos, dum oni ne decidos, ke la 39-a paragrafo de la kvara punkto preskribas[37] tia-maniere, konsidere al tamen. *(Li pafas kaj batas.)*

*D* Kia bruta stultaĵo!? Tio havas ja nenian sencon! Ĉesigu! Ĉesigu!

*S* Nu tamen . . . Kion ni devus respondi al tiu letero? Ĉu ni modifos la esprimon „tiel" al „tiele"? Kiel vi bonvolas opinii? *(Li pafas kaj batas.)*

*D* Ho, kompreneble! Oni modifu laŭ-vole. Ni konsentos pri ĉio . . . Kiel oni povas diskuti pri tiaj stultaĵoj tiel longe? . . . Ili pravas . . . Ĉio estas en ordo . . . Nur ĉesigu . . .: Mi volas pacon! . . . Pacon mi volas! . . .

*S* *(de-prenas la ekipaĵon kaj ĵetas ĝin flanken.)* Jen vidu! . . . Mi ja antaŭ-diris, ke tio ĉesigos la kapdoloron! *(Li el-iras.)*

*D* *(rektiĝas, palpadas[38] la dorson, frotas la okulojn, ĉirkaŭrigardas.)* Ho, mi havis malagrablan sonĝon. Nu, sed mi havas taskon. *(Li rigardas al letero.)* Ahaa! La plej freŝa letero de la Usona ambasadoro[39]. *(Li legas.)* Kioo? Li ne volas akcepti la esprimon „do"? Tiukaze, ne estos inter-traktado! Ni daŭrigos la batalon! Ni el-tenos! Ni ne timas ilin! Sekve, laŭ tio, kio; sed tamen, des pli, malgraŭ tio! Eĉ tial, kial!

El la hungara tradukis: *G. Kurucz*

1. supera ŝtata oficisto/ 2. el-igas laŭtajn sonojn dum dormado/ 3. sen-manka/ 4. ĉiuj apartenaĵoj kune/ 5. afekti: ŝajnigi ion per ne-naturaj manieroj/ 6. respektoplena al-parolo antaŭ alt'ranguloj/ 7. fosaĵo, el kiu soldatoj pafas al malamikaj soldatoj/ 8. ofendi kolerigi per malrespektaj vortoj/ 9. digne: merit'inde je respekto 10. nodo: grava sed malfacile solvebla problemo/ 11. havas ne certan opinion pri io/ 12. bonodora fluaĵo, uz'ata kiel plaĉ'ig'ilo/ 13. lado: maldika plato el mentalo 14. akvo, kiu kolektiĝas, post pluvo, en profundaĵ'etoj de la tero/ 15. amiko; kunulo/ 16. mediti: profunde pensi/ 17. kvar-pieda besto kiel bovo, ĉevalo k.t.p. 18. stulta: malsaĝa/ 19. organizaĵo, kiu estras la militistojn/ 20. klarigi/ 21. antaŭo de ŝipo/ 22. bruna de-naska malkuleto sur la vizaĝo kiel alloga marko/ 23. interkonsento pri gravaj interŝtataj aferoj/ 24. iom ŝanĝi/ 25. papagrafo (=paragrafo!) intence ŝanĝ'ita por similigi al'papago': ĉiu el la punktoj de teksto de juĝista aŭ diplomatia afero/ 26. ne-rekte/ 27. akceptita/ 28. ne esti fakulo en iu tereno aŭ kampo/ 29. esti certa pri io, kaj promesi ion valoran al malsame opini'anta persono, okaze de malpravo/ 30. ĉi tie: ordoni/ 31. speco de pafil'eto/ 32. malgravaĵo 33. eksplodaĵo de meza forto/ 34. intence mortigis/ 35. mortis/ 36. akra kaj pinta ero de io, ĉi tie de grenado/ 37. devige antaŭ-skribi/ 38. tuŝ'etas por kontroli ion 39. plej alta reprezent'anto de iu ŝtato ekster-lande.

# PROVERBOJ

*Unu hirundo*[1] *printempon ne al-portas.*
*Plej efika instruo estas la praktiko.*
*Ŝipon romp'itan ĉiuj ventoj atakas.*
*Volus kato fiŝojn, sed la akvon ĝi timas.*
*Por malfrua gasto restas nur osto.*
*Ĉiu „li" havas sian „ŝi".*
*Inter faro kaj rakonto, staras meze granda monto.*
*Manko de oro ne estas malhonoro.*
*Per-forta amo estas plej forta malamo.*
*Ĉasaĵo ĉas'anton ne atendas.*
*Kiu bati deziras, trovas bastonon.*
*En arbaro sidas, kaj arbojn ne vidas.*
*Vojo rekta estas plej mallonga.*

1. nigra rapid'fluga birdeto, migr'anta al varmaj tero-zonoj.

# ŜLOSILO DE "JUNA AMIKO"

Ĝis hodiaŭ, Juna Amiko estas unu-braka kompat'ind'ulo; mankas ja ĝia vortar'eto, kiu en-tenas tiujn 1000 vort'radikojn, kiujn ni uzas en la revueto.

En la sin-sekvaj numeroj, sur la mezaj kvar paĝoj, ni aperigos ilin. Ĉi-foje, vi trovas la en-kondukojn en tiuj kvar lingvoj, en kiuj vi ricevos la vorto-klarigojn.

Ni rekomendas al vi el-preni la mezan folion, faldi kaj distranĉi ĝin meze, laŭ-larĝe. Poste, kun-metu la distranĉ'itajn du foliojn laŭ la paĝo-numeroj. En iu proksima numero de Juna Amiko, ni instruos vin bindi libron, kaj tiam vi mem, iom post iom, faros por vi tre praktikan poŝ'vortareton.

Laŭ nia antaŭ-kalkulo, la ŜLOSILO aperos en ok sinsekvaj numeroj. El-tenu pacience!

Ni petas, antaŭ ĉio, la instruistojn turni apartan atenton al tiu ĉi vortareto. Komenc'antoj, precipe lernejanoj, tre bezonas ĝin. Faciligu vian laboron kaj ĝojigu la lernantojn!

La redaktisto

# interesaĵoj

## DEMOSTHENO

Demostheno volis iĝi bona oratoro[1]. Sed li havis malfortan voĉon, kaj ne povo-sciis el-paroli la literon *r*. Krome li havis misan kutimon: li ek-levis la ŝultron post ĉiu frazo.

Sed li havis fortan volon. Ĉiu-tage, li iris al la maro kaj, tie, li penis super-krii la ondojn. Li metis ŝtoneton sub sian langon kaj, tia-maniere, li parolis por bone elparoli *r*. Super la ŝultro, li pendigis glavon; kaj kiam, kontraŭ-vole, li ek-levis la ŝultron, ĝi vundis lin.

Tiel, li iĝis la plej bona oratoro en la tuta Grekujo.

*Laŭ „Lego-libro" de Kabe*

## *ERITROCITOJ*[2]

*En 1 mm*$^3$ *(kuba milimetro) da homa sango, ĉe viroj, ekzistas mez'nombre 5,5 milionoj – ĉe virinoj: 4,8 milinoj – da eritrocitoj. Dank' al ilia speciala formo, ilia supraĵo estas multe pli granda ol tiu de aliaj homaj ĉeloj*[3]*. Ilia suma supraĵo egalas 3820 m*$^2$ *(kvadratajn metrojn). En kvin litroj da sango, troviĝas 500 ĝis 800 gramoj da hemoglobino*[4]*, kiuj povas trans-porti preskaŭ unu litron da oksigeno*[5]*. Eritrocitoj vivas, proksimume, 120 tagojn. Dum tiu tempo, ili tra-pasas ĉirkaŭ 1000 kilometrojn. Dum unu tago, mortas 200 miliardoj da eritrocitoj.*

## BRONTOSAUROJ[6]

„En foraj regionoj de Afriko ankoraŭ vivas brontosaŭroj", asertas du Usonaj esploristoj, en artikolo[7] de la revuo „Science '80". Laŭ Roy Mackal kaj James Powell, en 1980, pluraj homoj propra-okule vidis brontosaŭrojn (konsider'ataj pereintaj[8] antaŭ 70 milionoj da jaroj!) manĝi herbon en kaŝ'itaj anguloj de Zairo kaj Kongo. La indiĝenoj[9] nomas ĉi tiun strangan beston „mokele mbembe". Ĝi estas iel simila al elefanto kun longa vosto kaj longa kolo.

1. lerta publika parol'anto/ 2. ruĝaj sango-ĉeloj, kiuj portas oksigenon (0)/ 3. la plej malgranda unuo de vivaj estaĵoj/ 4. ero de sango; ĝi ruĝigas la sangon/ 5. speco de gaso (0)/ 6. grandega pra-besto/ 7. verko por gazeto/ 8. perei: morti./9. pra-loĝ'antoj de iu regiono.

# enigmo

Laŭ la direkto de la sagoj, en-skribu ka vortojn difin'itajn ĉi-sube! (Neniu el la vortoj havas gramatikan[1] finaĵon.)

La lasta litero de ĉiu vorto estas sam'tempe la komenca litero de la sekv'anta vorto. Tiuj komunaj kvadratoj estas koloraj. La numeroj (de 1 ĝis 25) ĉiam anstataŭas saman literon.

Se vi plenigis la malsuprajn kvadrato-vicojn, vi ricevos proverbon[2]. Sendu ĝin, sur poŝt'karto al s-ro Dieter Bernd (Berolinastr. 2.; DDR–102 BERLIN) antaŭ la 1-a de septembro 1981!

| | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 1 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 8 | 2 | 1 | 3 | 8 | 7 |
| 1 | 10 | 11 | 2 | 3 | 12 | 5 | 13 | 8 | 14 | 2 | 5 | 15 | 16 | 4 | 11 |
| 2 | 4 | 1 | 7 | 1 | 14 | 16 | 17 | 11 | 6 | 12 | 1 | 4 | 8 | 18 | 7 |
| 14 | 8 | 19 | 14 | 11 | 9 | 12 | 1 | 20 | 21 | 11 | 2 | 14 | 11 | 22 | 1 |
| 1 | 13 | 11 | 23 | 1 | 24 | 11 | 9 | 6 | 11 | 4 | 8 | 14 | 5 | 25 | 3 |
| 6 | 21 | 11 | 14 | 5 | 18 | 11 | 2 | 23 | 8 | 23 | 8 | 4 | 16 | 2 | 8 |

| | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 5 | 4 | 12 | 1 | 4 | 9 | 4 | 5 | 14 | 1 | 7 | 5 | 4 | 5 | 2 | 8 |
| 13 | 1 | 14 | 5 | 10 | 5 | 2 | 9 | 1 | 6 | 21 | 16 | 4 | 5 | 2 | 8 |

*DIFINOJ: Malnova armilo, speco de paf'ark'ego – Speco de hakilo kun larĝa kapo – Ilo por glatigi tabulon – Speco de trifolio – Nomo de la 9-a monato – Malpovra – Trompisto, fi-homo – Kredo, ke sen-vesta sin-el-meto al la suno estas pli natura ol en vesto – Raraĵo – Ĉaro, tir'ata de homo en Oriento (ĵinrikŝ) – Bon'gusta fungo, tre simila al amanito – Veturado per ŝipo aŭ aviadilo – Greka „i" – Fru'printempa floro – Liter'enigmo – Mitologia birdo, kapabla re-viviĝi el ŝiaj cindroj.*

*István Takács (Hungario)*

1. gramatiko: regularo de lingvo/ 2. suka esprimo, kiu konstatas ion gravan.

# KASTORA LETERO

## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Arĝenta Kastoro Marta FARAGÓ, en Budapeŝto, Hungario, tre volas fariĝi Ora Kastoro, sed renkontas malfacil'aĵon en la kvina kondiĉo, kiu komenciĝas per la vortoj: „Partopreni iun nacian aŭ internacian (sed NE regionan) Esperanto-kongreson, aŭ viziti esperantiston en alia lando." Marta plendas, ke ŝi ne povas partopreni kongreson, aŭ viziti ekster-landan esperantiston.*

*Nu, mi komprenas, ke ne ĉiuj junuloj povas viziti alian landon, kaj estas eble, ke ĉi tiu kondiĉo estas iom maljusta. Povas esti ke, post ne tre longa tempo, ni povas iom ŝanĝi tiun kondiĉon; sed vi ĉiuj certe komprenas ke, por havi valoron, la atingo de la Ora Kastoreco devas esti malfacila!*

### SKEĈO[1]

En sia interesa letero, Marta skribis: Mi memoras, kiam mi estis en la kvina aŭ sesa klaso, nia klaso partoprenis iun Esperanto-lingvan aranĝon. Mi memoras, ke ni prezentis scenon[2], kaj mi estis la virino. Sam'klasano estis la viro. Ni ludis ĝin en iu ripozejo:

VIRINO: Permesu al mi ek-sidi!
VIRO: Bon'volu!
VIRINO: Mi aŭdis, ke ĉi tie estas tre agrabla aero.
VIRO: Fakte. Kiam mi al-venis ĉi tien, mi ne povis marŝi; mi havis nek hararon nek dentojn; kaj hodiaŭ . . . rigardu min!
VIRINO: De kiam vi estas ĉi tie?
VIRO: Mi naskiĝis ĉi tie.

Ĉu iu el niaj legantoj havas skeĉon, aŭ iun alian amuzan verkaĵon, kiun vi bonvolus sendi al mi, por amuzi niajn legantojn? Mi tre ĝojos aŭdi de vi, kaj volonte sendos al vi malgrandan donacon.

Kaj nun, mi havas interesan rakonton pri du ne-ordinaraj junuloj:

### *EDMONDO KAJ HEKTORO*

*Ĉi tiuj du knaboj iĝis bonaj amikoj, dum ili estis lernejanoj en Ĝenevo, Svislando, malgraŭ la fakto, ke Hektoro estis du jarojn pli aĝa ol Edmondo. Ili estis rimark'indaj knaboj. Ni scias, ke Edmono lernis Esperanton kiel 14-jara knabo, en la jaro 1903; kaj, kredeble, ankaŭ Hektoro lernis ĝin tiutempe. Post du jaroj, Edmondo – ankoraŭ nur 16-jarulo – partoprenis en la unua Universala[3] Kongreso de Esperanto en Bulonjo-sur Maro, Francio, kie oni tuj ekkonis en li brilan oratoron[4].*

*En 1906, kiam Edmondo estis 17-jara kaj Hektoro 19-jara, la du junuloj faris la pli-multon de la organiza laboro de la dua Universala Kongreso en Ĝenevo, kiun ĉeestis 818 kongresanoj el 30 landoj. Oni rakontas, ke iu hotelo[5] malatentis la antaŭmendojn, kiujn faris Edmondo, kred'ante, ke temas pri blago[6] de lernej'ano; sed, plej-parte, la aranĝoj estis bonegaj. Fakte, Edmondo poste skribis ke, dum jaroj, „al ĉio, kion mi ŝatis fari, mi aŭdis la rimarkon: – Vi estas tre juna, atendu iom da jaroj!"*

*Ambaŭ junuloj sukcese finis la studadon en alt'lernejo, en 1907; kaj Hektoro tuj komencis kun-labori en redakta kaj organiza laboro por Esperanto. Dum tiu sama jaro, li iĝis la dua redaktoro[7] de la internacia revuo Esperanto.*

*Edmondo, ali'flanke, decidis viziti Usonon, kaj komencis siajn aranĝojn en ne-kutima maniero. En tiuj tagoj, la sen-fadena telegrafado[8] estis tute nova (oni ankoraŭ ne povis paroli per radio!), kaj Edmondo uzis ĝin, por sendi sciigon al Usono. En tiu, li anoncis, ke juna labor'anto por monda lingvo, venas al Usono, kie li intencas viziti la prezidenton[9], por doni al li leteron de la internacia Pac'oficejo en Bruselo. Tio, kompreneble, kaŭzis multe da publikeco por la nova lingvo Esperanto. Dum lia restado tie, Edmondo renkontis multajn famajn homojn, inter ili la prezidenton T.Roosevelt (:rozevelt), kaj faris multege da propagando[10] por Esperanto.*

*Li re-venis el Usono en 1908, ĝusta-tempe, por partopreni la 4-an Univesalan Kongreson en Dresdeno, kaj ĝoje re-trovis sian fidelan amikon Hektoro, kiu, por organizi la tujan uzon de Esperanto, anstataŭ atendi la finan venkon, ĵus fondis Universalan Esperanto-Asocion (UEA). Kiel skribis Edmondo multajn jarojn poste: „Lia sistemo[11] de delegitoj[12] en la tuta mondo donis al nia movado la fundamentan bazon por ekzisti kiel vivanta realaĵo[13]."*

*En 1909, Edmondo PRIVAT kaj Hektoro HODLER kun-venis en Barcelono (Hispanio) por festi la 20-an naskiĝ'tagon de Edmondo, kiu tuj poste iĝis studento[14] en la universitato[15] Sorbonne en Parizo. Tie, li estis nur malriĉa studento, kaj per-laboris sian ĉiu-tagan panon, don'ante lecionojn pri la latina lingvo al knabo de riĉa familio, kiu ne emis labori en la lernejo. En 1910, la Universala Kongreso de Esperanto okazis en Vaŝingtono, Usono, sed kiel malriĉa studento Edmondo ne povis vojaĝi al ĝi. Feliĉe, tamen, Hektoro jam antaŭ-vidis, ke multaj Eŭropaj esperantistoj ne povos fari tian longan vojaĝon, kaj li organizis apartan kongreson de UEA en Augsburg, Germanio.*

*Bedaŭrinde, Hectoro HODLER mortis an 1920, nur 33-jara; sed Edmondo PRIVAT vivis ĝis 1962, kaj faris multe da grava laboro, inter kiu estis lia sub-teno de la ideo re-starigi sen-de-pendan ŝtaton de Pollando. Se vi volas legi plu pri tiuj du bravaj[16] amikoj, vi povas fari tion en la libroj „Aventuro de Pioniro" de E.Privat, kaj „Zamenhof, kre'into de Esperanto" de M.Boulton, kiujn (kune kun artikoleto[17] de B.Golden en la revuo „Esperanto") mi dankas pro la informoj en tiu ĉi letero.*

## *GRAVA ANONCO*

*Mi havas gravan anoncon por vi pri nia Klubo. Nia oficeja adreso ŝanĝiĝis de Urmston, Anglio, al VARSOVIO, Pollando, ĉar mia fidela help'antino Barbara CHMIELEWSKA, kiu jam gvidas nian korespondan servon, nun trans-prenis la ĉiu-tagan gvidadon de la Klubo, kiu kunlaboros, aŭ eble unu-iĝos, kun la jam tre sukcesa INTERNACIA ESPERANTO-KLUBO DE AMIKECO. Do, se vi deziras skribi al la Klubo, aŭ se via instruisto volas sendi ateston pri atingo de pli alta rango, bon'volu sendi viajn leterojn al la nova adreso:*

*KASTORA KLUBO DE ESPERANTO*
*Junulara Kulturdomo,*
*ul. Deotymy 37,*
*PL 01–441 WARSZAWA*
*P o l l a n d o*

*Mi daŭre skribos al vi la kutiman Kastoran Leteron en ĉi tiuj paĝoj, sed espereble unu el la bonaĵoj de la ŝanĝo estos, ke mi povos en-meti leterojn aŭ aliajn verkojn de niaj membroj.*

## NIAJ PROMOCIITOJ

FARIĜIS ARĜENTAJ KASTOROJ:

930 Gudula STRACKE — 931 Erika SIEBEL
932 Alia SINNO — 933 Barbara STRACKE
934 Dunia SINNO (ĉiuj el F.R. Germanio)

FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:

1111 P.Anzaldi, 1099 S.Bovio, 1112 F.Cameroni, 1100 M.Caletti, 1101 P.Colma, 1113 S.Colombara, 1114 A.Concina, 1102 G.Di Matteo, 1115 P.Fontana, 1103 B.Ireni, 1104 D.Libro, 1105 S.Lombardi, 1106 C.Marchetti, 1107 S.Marconi, 1108 B.Milani, 1116 M.Paoletti, 1110 M.G.Ricciardi, 1117 G.Rovetta, 1118 P.Vaschi (ĉiuj en Italio).

1. tre mallonga teatraĵo/ 2. ĉi tie: skeĉo/ 3. tut'monda/ 4. homo, kiu faras publikajn paroladojn/ 5. domo, kie vojaĝ'antoj povas resti/ 6. ŝerca mensogo/ 7. redaktisto/ 8. sen-fadena telegrafado: sendo de elektraj signoj per radiofonio/ 9. ŝtat'estron/ 10. dis-vastigo de scio/ 11. organizo/ 12. anoj de UEA en multaj lokoj tra la mondo, kiuj estas pretaj helpi aliajn anojn 13. io, kio vere ekzistas/ 14. stud'anto en universitato/ 15. centro de supera edukado 16. bonaj kaj merito-plenaj/ 17. mallonga verko.

# KANTU!

## *Ne malĝoju, ho edzin'!*




*Ne malĝoju, ho edzin',*
*ke ni havas nulon:*
*por viando, buĉos*[1] *ni*
*iun grasan kulon*[2].

*Ni viandon por kuir'*
*kaj fumum*[3]*' aranĝos;*
*ne tro zorgu, ho edzin',*
*ni ĝissate manĝos.*

*Kial, edzo, zorgu mi?*
*Havas mi humuron;*
*ŝparis mi, en nia kel',*
*de la kul' femuron*[4].

*Tradukis: Josef Cink*

ABC por komencantoj

1. buĉi: mortigi beston/ 2. flugilo-hava malgranda suĉ'insekto/ 3. fumumi: konservi per fumo/ 4. supra dika parto de kruro.

# Vortoj el afiksoj

En Esperanto, propre ne ekzistas afiksoj; ekzistas nur vortradikoj, kiuj povas esti libere lig'itaj al aliaj radikoj por formi senco-havajn vortojn. Tamen, kelkaj radikoj estas tre oftaj en kun-metoj kaj, laŭ naci'lingvaj tradicioj[2], oni nomas ilin afiksoj. Unu el la karakterizaj[3] ecoj de Esperanto estas, ke tiuj afiksoj povas esti kun-ligitaj, unu kun alia, por krei sencohavan vorton. Rigardu, ekzemple, la jenajn: *dis-iĝo; an'aro; uj'ego; em'igi.*

Ni kolektis kelkajn plur'oblajn kun-metojn. Legu kaj traduku ilin al via gepatra lingvo!

*MISIGEBLA – Ĉio estas misigebla per profanaj[4] manoj.*
*MALEBLIGI – La vetero malebligis al mi veturi al la ĉef-urbo.*
*ESTRARANECO – Li perdis la estraranecon en nia klubo.*
*ALIĜILO – Ĉu vi jam plenigis la aliĝilon al la Kongreso?*
*DISERIĜEMA – Tiu ĉi tero estas diseriĝema.*
*ILAREJO – Iru en la ilarejon, vi trovos tie hakilon.*
*KUNULARO – Ŝi iris tien kun sia tuta kunularo.*
*MALPLIIGI – Ni provis malpliigi la el-spezojn.*
*FIULINO – Evitu tiun fiulinon; ŝi estas malinda al vi.*
*POSTEULARO – La posteularo dankos al ni pro nia laboro.*
*ETULINO – Vi havas ĉarman etulinon.*
*EKSIGENDA – Mi trovas lin eksigenda el nia grupo.*
*AĈAĴISTO – Iam, aĉaĵistoj kolektis la uz'itajn vestojn, meblojn kaj objektojn.*
*BOPRAULOJ – Ŝiaj boprauloj vivis en Brazilo.*

1. afikso: lingvaj elementoj por fari vortojn (re-, ek-, -ig-, eg-)/ 2. tradicio: kutim'aro de popolo/ 3. karakteriza: ĉefa, distinga/ 4. profana: mal-inda al io.

LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289,
290 01 PODĚBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!

"Klubo de Legantoj"

● La konkurson de la numero 18 sukcese solvis ankoraŭ István Takács el Hungario kaj Aleksandr Ivanov el Sovetunio.

● Kiam X.Y. estis en la tendaro, li sendis leteron al siaj amikoj. Sed, en tiu letero, li ellasis la adjektivojn[1], do praktike li nur duone sciigis al siaj amikoj.



Provu plenigi lian leteron per a-vortoj! Ni aperigos la plej bonajn aŭ spritajn[2] leterojn.

Mi sendas al vi . . . saluton el la . . . tendaro, kie mi pasigis du . . . semajnojn. La tendaron gvidis . . . estro, kiu organizis . . . programojn. La manĝaĵoj estis . . . . Antaŭ-tagmeze estis . . . ludoj, kaj kiam pluvis, ni ripetis la lernaĵon. Sed la ripetado estis . . . . Posttagmeze ni havis . . . ekskursojn. Kiam estis varme, ni banis nin. La akvo estis . . . . Ni ankaŭ naĝis aŭ veturis per ŝipoj. La tendaro havis du . . . boatojn. Apud la tendaro estis . . . arbaro, kie ni povis kolekti fungojn[3] kaj fruktojn. El ili, ni faris . . . vesper'manĝon. Preskaŭ ĉiu-vespere estis . . . fajro. Ni sidis ĉirkaŭe, kaj kantis . . . kantojn. Ni povis el-paŝi kun . . . rakontoj aŭ . . . ludoj. La du semajnoj en la tendaro estis . . ., kaj ni for-veturis kun . . . humoro.

● Nia klubo KJA/2 sendis ĉi tiun salut'karton. En la teksto: „Hodiaŭ, dum la lasta ĉi-jara klub'vespero, ni danke pri-pensas niajn gepatrojn . . .''

Pri kiuj gepatroj ili pensas, ĉu vi scias?




1. rubiko: parto, angulo en gazeto; adjektivo: a-vorto/ 2. saĝe interesa kaj bon'humora: 3. post-pluva kreskaĵo kun granda ĉapelo.

● 16-jara knabino, *Ira Sedova* deziras korespondi kun alilandaj geesperantistoj. Ŝi kolektas poŝtmarkojn, kalendaretojn kaj ĉion pri Esperanto. Adreso: pr. M. Toreza 13–4; LENINGRAD 194021; *Sovetunio.*

● *Žiaunys Sintaras,* 15-jara knabo deziras korespondi kun ĉiuj landoj. Skribu al la jena adreso: Žemaitijos 9–25, MAŽEIKIAI 235500; *Litovio;* USSR.

● 9-jara denaska esperantistino volas korespondi kun samaĝaj amikoj. Ŝia adreso: *Larisa Bespalova,* poŝtkesto 264; 354054 SOĈI; *Sovetunio.*

● *Miroslava Tlachová,* 10-jara ĉeĥa knabino volas korespondi kun alilandanoj. Ŝia adreso: Probulov č. 47; 398–07 ORLÍK NAD VLTAVOU; *Ĉeĥoslovakio.*

● 21-jara hungara studentino deziras korespondi en Esperanto. Skribu al *f-ino Andrea Göde;* Veres Péter u. 2.; H–7624 PÉCS; *Hungario.*

● Serĉas leteramikojn 16-jara litova lernantino. Ŝi interesiĝas pri moderna muziko kaj sporto. Adreso: *Audroné Andrulevičiuté;* prienų 19; 234365 STAKLISKÉS; *Litovio.*




● *Arunas Žuvininkas,* 16-jara knabo, kiun interesas moderna muziko kaj sporto, ŝercas eksterlandan kontakton. Skribu al lia adreso: Prienu 13; 234365 STAKLISKÉS; *Litovio,* USSR.

● 15-jara lernanto, kiu kolektas fotojn de muzikaj ensembloj kaj tiujn de sportistoj, deziras korespondi kun alilanduloj. Lia adreso: *Saulius Smelinskas;* Prienu 5: 234365 STAKLISKÉS; *Litovio,* USSR.

Karaj Abonantoj!

Bedaŭrinde pro gravaj teknikaj kaŭzoj Juna Amiko multe malfruis. Ni sukcesis forigi la malhelpojn, la ĝisdatigo de la apero okazos ĝis la fino de 1982. Ni petas vian pardonon, komprenemon kaj pluan helpon.

Redakcio

## ĈU VI POVAS HELPI?

*En multaj landoj, inkluzive de Britio, la kostoj konstante plialt'iĝas, kaj ĉar la du porinfanaj servoj GEONKLOJ ESPERANTISTAJ kaj la KASTORA KLUBO de ESPERANTO postulas neniom de la infanoj, ĉu por la servo, ĉu kiel kotizon de la Klubo, ili de-pendas tute de la liber'vola helpo de bon'volemaj esperantistoj.*

*La pli-altiĝ'antaj kostoj konstante minacas la ekziston de la du organizoj. Ĉu vi povas helpi? Se jes, bonvolu sendi donacojn, kiom ajn malgrandajn, al J.H.Sullivan, 3 Berwick Avenue, URMSTON, Manchester, Britio, M31 1PS. Koran dankon!*


JUNA AMIKO
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H–1368 Budapest 5. Pf. 193.). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ (Hitel u. 10. fszt. 16., H–6000 Kecskemét). Kunlaborantoj: *D.Berndt* (GDR), *M.Boulton* (Anglio), *Y.Brion* (Francio), *J.Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As.Grigorov* (Bulgario), *R.Grinspan* (Sovetunio), *V.Heimlich* (GFR), *A.Kubulnieks* (Sovetunio), *R. Okumura* (Japanio), *s-ino Ősz* (Hungario), *B.Ragnarsson* (Islando), *E.Ravelo-son* (Madagaskaro), *s-ino M.Turin* (Francio), *J.Zágoni* (Rumanio), *W.Zytynski* (Pollando). Grafikistoj: *J.Klement, P.Rak* (Ĉeĥoslovakio), *s-ino E.Váli, Z.Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A.Lienhardt* (Francio).
Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanácsi Táj. Hiv. –
III. (IFJ) 30/1976.

Joĉjo ek-vidis grandan hundon. Li kuris al ĝi, kaj komencis karesi ĝian voston. Vid'inte tion, la patrino ekkriis:

„Lasu ĝin! Ĝi mordos vin!"

„Kiel do, panjo?! Per tiu ĉi finaĵo, ĝi ne mordas."





*„Mi havas tiel malnovan radio-aparaton, ke mi povas kapti, per ĝi, nur unu lokan stacion."*

*„La mia estas pli malnova. Ĝi apenaŭ funkcias. Kaj kiam oni informas, en ĝi, ke nun estas la dua horo, fakte estas jam almenaŭ la tria."*

**humuro**

„Ĉu vi vidas, Hanibalo, fakte ni estas la lastaj."





*Patro demandas al sia filo:*

*„Peĉjo, kie estas via lerneja not' kajero?"*

*„Mi donis ĝin al Karlo, por ke li timigu siajn gepatrojn."*

Ára: 8,– Ft.